JARO XVII, Sofia—Bulgario
januaro—marto 1973, № 1

# INTERNACIA ĴURNALISTO



ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

## *TEĴA-ANA RIGARDO AL LA SCIENCO*

*La fino de la XX jarcento karakteriziĝas per klara konturiĝo de bona volo kaj prudento, demonstrataj de ŝtatanoj kaj registaroj en diversaj mondpartoj sur nia iĝinta jam tre malvasta Terglobo. Tiu konturiĝo rivelas sin en la malstreĉiĝo de internacia tensio kaj vico de pacamaj agoj inter la ŝtatoj de diversa socistrukturo, inkluzive la konatan iniciaton pri kunvoko de Eŭropa konferenco por sekuro kaj kunlaboro, kelkaj mondkonferencoj pri limigo de armilaro tiel kaj aliel akcelantaj la noblan laboron de la Monda Packonsilantaro.*

*Tio estas soci-ekonomi-politika aspekto de nuno, kiu grave antaŭenigas la tutecon de la ĝenerala Esperanto-movado kaj grave urĝigas ĝian progresigon.*

*Sed estas ankoraŭ alia aspekto: la soci-ekonomi-scienca.*

*Ĝia kerno konsistas en tio, ke la Scienco nuntempe fariĝis movanta kaj transformanta forto de la moderna Socio. Ĝi fariĝis senpera produktiva forto. Ĝi solvis multajn malfacilajn problemojn, kiuj plifaciligas la homan laboron ĝis apero en perspektivo de ĝenerala inteligentiĝo de la homaro. Ĝi realigis tion, kio prezentiĝis al la tute antaŭnelongaj generacioj kiel sorĉo, aŭ fabelo, aŭ fantazio.*

*Kaj en sia transforma potenco kaj progresaj faroj, altrenantaj al mensa kreo centojn da nacioj kaj nacietoj, ĝi subite konstatis antaŭ si grandan baron en formo de lingva Babelturo. Universaliĝo de la scienco, altiro al ĝi de multaj miloj da homaj estaĵoj demokratigis la sciencon, faris ĝin formo de kaplaboro same vasta, kiel manlaboro. Kaj tiu ĝia vastiĝo senevite venigis al multlingveco, kiu sola povis asekuri preparon de adekvataj kvante, kvalite kaj tempoprene multnombrajn kontingentojn. Samtempe iris progresiva malvastiĝa specialiĝo de diversaj sektoroj de scio. Kaj kiel anstataŭo al universala interkomprenilo de mezepoka scienco — la latina (unika internacia lingvo de scienco en la historio de la homaro) — venis naciaj lingvoj kaj traduk-problemoj.*

*Sed la scienco estas tre aktiva, sentima kaj sensuperstiĉa forto. Persiste kaj konsekvence ĝi forigas ĉiujn barojn for de sia evolu-vojo, precipe, kiam la baro komencas bremsi la evoluon. Tion ĝi nepre ne toleras. Kaj ĝuste tiu kondiĉo establiĝis nun.*

*La scienco tuj komencis frontan atakon kontraŭ la obstaklo, kiu estas kun ĉiu tago pli kaj pli akre perceptata. Kaj la metodo de scienco estas bone konata. Alpaŝante al la problemo ĝi kreas hipotezon de la solvo, poste ĝi komencas eksperimenti, kaj laŭ la kurso de sukcesoj kaj fiaskoj ĝi konforme aliigas la hipotezon, transformante ĝin en teorion. Kaj la rimedojn de esploro ĝi poiome transformas en rimedon, maŝinon, aparaton, ĝenerale — ilon, donantan solvon de la problemo.*

*Sed komencante la esplorojn, la scienci-*

*stoj kunpuŝiĝis kun la situacio simila al surprizoj de aisbergoj. La supro estas eta. Kaj la profundon oni ne tuje perceptas. Do, entrepreninte serion da kuraĝaj atakoj kaj kun insisto kaj aŭdaco aplikinte sian elprovitan vojon — jungon de malviva naturo por anstataŭi biologian energion de homoj aŭ bestoj, ĝi turnis sin al komputoroj.*

*Hipoteze ĉio prezentiĝis jene: Oni adaptas komputoron, kunmetas programon de korelacioj por certa paro da lingvoj. La aparato laŭ tekniko de miniaturigo en manoj, kun telefonstila ekipo, permesas koncernan ŝalton de la programo por bezonata lingvoparo. Kaj tuj ebliĝas interparolo por diverslingvaj individuoj, same kiel oni tion faras per ordinara telefono. Nur dank' al komputoro kaj programigo la aparato ne sole transdonas, sed ankaŭ tradukas — do intelekte peras. Ĉiu parolas per la aparato sian gepatran lingvon kaj tuj ricevas respondon ankaŭ en sia gepatra lingvo. La tutan laboron de pero kaj livero transprenas la „mirakla elektron-valizeto". Oni pensis ke la transiro de simpla telefono al telefono kun interpreto pere de traduk-komputoro estos ne pli komplika ol la transiro de nigra-blanka televido al la multkolora.*

*Sed eĉ plej komencaj ekfortoj montris, ke la afero estas multoble pli komplika kaj malfacila, ol oni metis tion en la unuan hipotezon. Do, ĝis efektivigo de la „mirakla valizo" pasos ankoraŭ jaroj kaj jaroj. . .*

*Sed ni ne devas esti tro pesimistaj kaj ne kredi al la forto de la scienco. Ĝi multajn problemojn longe portis en si kiel patrino, gis kiam venis tempo de akuŝo — en la formo de reala solvo. Tamen necesas fari kelkajn konvenajn kaj konsekvencajn konkludojn.*

*Precipe tio rilatas al la esperantaj ĵurnalistoj, kiuj en tiu problemo okupas avangardajn poziciojn.*

*La ĉibernetikistoj ĉe la kreo de la unua hipotezo por scienca solvo de l'tradukproblemoj elmontris superecan kaj dignan pozicion rilate al la internacia lingvo. Ili nomis la tutan tiun sferon de intelektaj homaj streboj „revule-utopia" fantazio de L. Zamenhof kaj liaj adeptoj en stilo de serĉoj kaj aspiroj kaj samtempe emfazaj pretendoj en stilo de la XIX jarcento kaj karaktera por ĝi mensodirekto. Sed kun paso de tempo kaj akiro de sperto la bombastaj asertoj de cibernetikistoj komencis paliĝi kaj malakutiĝi. La digno kaj malestimo cedis lokon al pli lojala pozicio. Oni bone scias, ke ĉiu persono, spertinta fiaskon, iĝas pli prudenta. Same faris la cibernetikistoj. Ili komencis studi la problemon pli kapitale. Kaj siajn serĉojn de simpla „aparato en la stilo de la XX jarcento" ili kompletigis per penetro en la specifojn de interlingvistiko.*

*Por esperantisto-ĵurnalisto estas absolute klare, ke la internacia lingvo estas unu el la aliancanoj en tiuj serĉoj. Estante kvazaŭ anatomio aŭ algebro de la lingvo ĝenerale, ĝi faciligas multoble kaj multfoje sciencajn modeligojn. Tion ignoris ĉe la unuaj paŝoj la cibernetikistoj.*

*Kaj sekve la veran solvon de la „Babeltura problemo" en la scienco oni devas serĉi en intima kaj konkorda kunlaboro de tiuj du taĉmentoj de la moderna lingvoevoluo. De unu flanko—internacia lingvo, de la alia—maŝintraduko. Ĉi tie oni povas prikonsideri jam spertitan en la historio vojon. La bataloj inter reprezentantoj de diversaj internacilingvaj sistemoj kaj esperantistoj en la komenco de la XX jarcento transiris al preskaŭ ĉiea kunlaboro de diverssistemaj reprezentantoj por progresigo de la lingvo internacia ĝenerale en la fino de la jarcento. Sur tiu bazo estis kreitaj premisoj por fruktodona disvolvo de la nova scienca branĉo en filologio — la interlingvistiko. Kaj oni devas speciale mencii en tiu ligo gravajn laborojn de la forpasinta profesoro E. Bokarev. Kaj la sama transiro okazos ankaŭ en la konsiderata sfero. De malamika konfrontado, speciale karaktera al cibernetiko en la komenca stadio de serĉoj por maŝintraduko, estas farata transiro al alianco kaj produktiva kunlaboro en unuigita sfero — cibernetiko + interlingvistiko.*

*Multegaj simptomoj jam montras ĝuste tiun pensfluon kaj kurson de progreso.*

*Ekzemple en Instituto de Lingvoscienco de la USSR-Scienca Akademio en la fino de 1972 okazis Konferenco pri aplika lingvoscienco kaj interlingvistiko. Kaj la konstituiĝo de interlingvistiko mem kiel scienca branĉo estas la sama signo de la sama progreso.*

*La apero de vico da sciencaj interlingvistikaj kunvenoj kaj presorganoj, inter kiuj indas mencii ankaŭ la revuon „La Moderna Lingvo-Problemo" atestas tion. La samon singnifas ankaŭ iome diletanta kaj iome stranga laŭ sia aspekto rezolucio de Internacia antropologia kongreso por akcepti la armenan lingvon kiel internacian interkomprenilon de scienco. Tio nur montras ankaŭ empirian alpaŝon al solvo de la problemo kaj samtempe altan gradon de ĝia maturiĝo. Tio ankaŭ urĝigas la solvon, kvankam dume pri ĉiuj ĉi faktoj scias ankoraŭ nemultaj. Kaj palpeblaj sukcesoj en diver-*

*saj iniciatoj kaj faroj de esperantistoj kune kun la fakto de granda alfluo de junularo en la E-movadon montras, ke la problemo jam frapas en la pordon por solvo.*

*Laŭ stato de faktoj kaj eventoj la lingvo Esperanto staras nun en sfero de Literaturo sur la sojlo de apero de granda (eventuale grandaj) verkisto kaj de ties granda originala mondskalnivela romano. La vojon por tio pavimis vortoj kaj agoj de tiuj titanoj de la literaturo, kiel Tolstoj, Jules Verne, Barbusse, Gorkij, Rolland kaj aliaj.*

*Same en la sfero de la scienco ni staras nun sur sojlo de gravaj iniciatoj kaj profunda enpenetro de Esperanto en la Grandan Sciencon. Por tio pavimis la vojon tiuj titanoj de la scienco kiel Einstein, Ciolkovskij Pavlov, Fersman, Miĉurin, Ostwald, kaj montris vojon ankoraŭ Descartes, Komenski, Leibnitz kaj multaj-multaj aliaj.*

*Ĉio ĉi donas certan vojmontrilon al esperantistoj-ĵurnalistoj, kiuj staras proksime al la scienco. Necesas kolekti ĉiujn faktojn kaj vaste diskonigi ilin. En ilia ĉiutaga vivo kaj laboro devas trovi respegulon diversaj uzoj de internacia lingvo en la scienco, diversaj amaraj kaj anekdotaj sekvoj de neuzo.*

*Necesas ĉiam havi en memoro du ĉefajn faktojn. Unue: la scienco bezonas internacian lingvon kaj komencos vaste ĝin apliki antaŭ ol ĉiuj aliaj kaj pleje el ĉiuj aliaj branĉoj de homa kre-laboro, ĉar ĝi estas racia, seninercia kaj sensuperstiĉa. Due: la scienco komencis siajn laborojn, kaj se ĝi komencis, ĝi jam ne lasos ilin ĝis la plena ilia solvo.*

*Oni jam tute klare perceptas apartajn martelajn frapojn de rekognoskaj sciencistoj en diversaj lokoj de Babelturaj muroj. Kaj insista celdirektita serĉo nepre trovos malfortan lokon, de kiu komenciĝos detruo.*

*Sekve en tiu nobla afero por la E-ĵurnalistoj, okupataj en la scienco, estas du terenoj de fortoapliko.*

*A — Pruvi, montri, demonstri, pledi la taŭgecon de IL por informa kaj traduka celoj en la Granda Scienco (matematiko, fiziko, kemio, biologio, geografio, geologio, medicino, teknikaj sciencaj branĉoj k. s.).*

*B — Pliintensigi enpenetron en filologiajn sciencojn (monolingva filologio, bilingva — tradukistiko, polilingva — interlingvistiko).*

*El ĉiuj nunaj socitavoloj ĝuste la scienco pleje bezonas internacian lingvon. Kiel dirite supre, la scienco demokratiĝis. Kaj jam decidan rolon havas ne aŭtoritataj elpaŝoj de eminentuloj (ili estis sufiĉaj, se ne abundaj), sed praktika laboro en multnombraj amasoj de sciencistoj. Ekzemple instigoj kaj helpo por esperantaj raportoj en internaciaj sciencaj kunvenoj.*

*Kaj kio koncernas esperantajn organizojn, ligitajn kun la scienco kaj ties presorganoj — unuavice ISAE kun „Scienca Revuo“ — estas celkonforme pridiskuti la problemon „Internacia lingvo en la Scienco“ en unuigita kunsido de ĉiuj esperantistaj organoj, ligitaj pli-malpli kun la scienco (IFEF, IEAJ, ISAKE, IEKA, ILEF, IGA, ILEA, UMEA, ORE, Stelo k. a.) dum UK aŭ eĉ praktiki konstantan sian pridiskuton kaj ellaboron de ĝenerala plano kaj linio por penetro kaj enkonduko de E-to en la Sciencon. Eble estus celkonforme en E-presorganoj malfermi rubrikojn „Esperanto en la Sciencon“.*

*Eble ankaŭ ĉi tie iniciata rolo en disvolvo de kre-iniciatoj apartenus al la ĵurnalista spaliro kaj ĝia unuiĝo — TEĴA.*

*Eble povus naskiĝi aliaj formoj de laboro en la montrita direkto. Ĉio ja dependas de la loka agemo, entreprenemo kaj kompreno de la tasko kaj de la problemoj.*

*N. Danovskij, Moskva*

---

NOVJARA. . .

Al samideano
I. Keremidĉiev

Ĉiokaze la Novjaro
Al la kara amikaro —
Al vi, miaj samfaranoj,
Ĉiuj — ne — kaj samteranoj,
Kiuj brave, kiuj glore,
Libervole kaj fervore
Defendadas pacon homan,
Ne zorgante siajn nomojn,
Kiuj pruvas pri utilo
De l' tutmonda komprenilo,
Al virinoj kaj al viroj
Sendas mi la kordezirojn.
Estu ĉiuj prosperantaj
En leteroj kaj en kantoj,
Estu sanaj kaj feliĉaj,
Per bonaĵoj estu riĉaj,
Ke al ni la verda stelo
Brilu hele de l' ĉielo.

A. Stecenko,
nova membro de TEĴA.
Stavropolskij kraj, Izobilnoe, Proletarskaja 32, USSR

# NIAJ PIONIROJ-VETERANOJ

## D-RO Hj. UNGER — TUTA VIVO POR ESPERANTO

Okaze de la 75-a jubileo de la redaktoro de „Turista mondo“ en 1969 „Heroldo de Esperanto“ prezentis al sia legantaro la vivon de D-ro Hj. Unger en diversaj epokoj. Jen ni represas tiun artikolon kun kelkaj — laŭ ni — interesaj aldonoj:

Eklerninta Esperanton en 1908, s-ro Unger gvidis kursojn jam en 1910 kaj ĉeestis (ankoraŭ gimnaziano) la Sepan Universalan Kongreson en Antverpeno 1911. Dum la Naŭa Universala Kongreso en Berno li konatiĝis persone kun D-ro Zamenhof.

De 1917 ĝis 1921 li eldonis la „Internacian Komercan Revuon“ (subtenitan per anoncoj de gravaj firmoj ne-esperantistaj) kaj estis sekretario de la „Svisa Unuiĝo por Komuna Komerca Lingvo“, en kies Patrona Komitato sidis eĉ membro de la Svisa Federacia Registaro kaj konataj industriistoj. En tiu tempo li aranĝis la industrian filmon pri „la metalizado laŭ la procedo de la svisa inventisto M. U. Schoop“ kaj publikigis ankaŭ Esperantan version. Estis la unua Esperanta filmo tiuspeca. En la sama epoko la Svisa Foiro en Baselo petis D-ron Unger, gvidi la novekreitan Esperanto-Fakon de la foira Propaganda Sekcio. Kiam, pro profesiaj motivoj, li forlasis Svislandon, neniu svisa esperantisto estis trovebla, kiu volis daŭrigi tiun gravan laboron — kaj la Foiro retiriĝis de Esperanto. La tiama foira direktoro, D-ro W. Meile, poste fariĝis ĝenerala direktoro de la Svisaj Fervojoj kaj senhezite akceptis la proponon, preni por la telegrafa adreso de sia oficejo la esperantan vorton: „Fervojo“.

Ĵurnalisto D-ro Unger partoprenis, kiel speciala komisiito de internacie konataj gazetoj, la unuajn Ĝeneralajn Konferencojn de la „Ligo de Nacioj“ kaj de la „Internacia Labora Oficejo“ en Ĝenevo, la Konferencon pri Turkio en Lausanne, la faman Pacan Konferencon de Locarno, la militojn en Hispanio, Etiopio kaj Finnlando-Sovjetunio. Dum la Dua Mondmilito li estis, por kelkaj jaroj, speciala komisiito de svisaj kaj amerikaj gazetoj, en Berlino, kie li estis la (sola) Delegito de UEA por Germanio — ĝis kiam la policestro Heydrich malpermesis tiun agadon.

Dum la lastaj 25 jaroj D-ro Unger okupiĝis sole pri la monda turismo, eldonis la germanlingvan turistan revuon „Welt auf Reisen“ kaj prezidas la „Svisan Unuiĝon de la Ĵurnalistoj de la Turismo“, kiu direktis favoran alvokon pri Esperanto al la gvidantoj de la monda turismo. En la „Internacia Seminario pri Turismo“, ĉiujare aranĝata en la svisa urbo Lucerno, li jam trifoje (1949, 1958, 1967) paroladis pri Esperanto. En marto de 1967 la „Internacia Renkontiĝo de la Verkistoj pri la Turismo“, en la jugoslava urbo Split, akceptis kvarpaĝan raporton pri la temo „Ĉu la Turismo kondukas vere al la Paco? Jes, sed ne sen Esperanto!“ kaj publikigis ĝin en 6 lingvoj (germana, angla, franca, hispana, rusa kaj jugoslava). Por la „Poŝlibro por la Turista Gazetaro“, ĉiujare eldonata de la germana aervetura kompanio „Condor“, li — kiel tiama redaktoro — instalis la internacian sekcion, en kiu Esperanto ludas bonan rolon depost 1968. En 1967 D-ro Unger fariĝis membro (nun: membro de la Konsilantaro) de la „Internacia Akademio de la Turismo“, kiu en 1968 akceptis Esperanton. En 1971 ekaperis la unua numero de „Turista mondo“. La saman jaron la italoj transdonis al li la „Oran Medalon de la ENIT“.

## *D-RO HJ. UNGER AL LA REDAKCIOJ*

*Kiel vi—kara samideano—ja scias, mi multe suferis en 1970/71 pro 2 koro-krizoj kaj ne povis labori dum pluraj monatoj. Resaniĝinta mi esperis reaktiviĝi miajn klopodojn kaj laboris pri la daŭrigo de „Turista mondo“ (Tm). La nova numero nun estas „preskaŭ prespreta“ havante 12 paĝojn kun fakaj anoncoj por pli ol 3.000 sv. frankoj, . . . sed mi devas ĉesi, ĉar miaj fortoj ne plu sufiĉas kaj mi ne vidas ŝanĝon de la situacio. Tre baldaŭ mi ja atingos la aĝon de 80 jaroj. Tio estas despli bedaŭrinda, ĉar Tm estas sur la bona vojo fariĝi tutmonde konata kaj respektata „Esperanto-revuo de la Internacia Turismo“.*

*Kiel eldoninto (dum 25 jaroj) de la germanlingva turista revuo „Welt auf Reisen“, prezidinto (dum 8 jaroj) de la Svisaj Turismo-Ĵurnalistoj, kaj kiel membro de la Konsilantaro de la „Internacia Akademio de la Turismo“, miaj personaj rilatoj al fakistoj tra la tuta mondo estas tre bonaj. Tial gravaj turismaj entreprenoj diverslandaj fidas al mi kaj lojale subtenas la „eksperimenton“ (kiel ili diras) de Tm per tre bone pagataj anoncoj. Bedaŭrinde la revo ne realiĝos, ĉar—kiel mi jam diris—miaj fortoj ne plu sufiĉas kaj devigas min retiriĝi.*

*Por mi, tio estas tre malagrabla -sed neŝanĝebla- afero: ĝi ja signifas la finon de mia nun pli ol 60-jara aktiveco por nia movado.*

*Esperante ke vi komprenos mian situacion kaj min persone, mi tutkore salutas vin.*

*Samideane kaj sincere*
*Dr-o Hj. Unger*

---

## *LINGVO KAJ PROGRESANTA INTERKOMUNIKADA TEKNIKO*

*La tekniko, per kiu informoj estas transigataj, pli kaj pli perfektiĝas. La plej rapida vojo estas pere de radio, televizio, telefono kaj teletajpado. Se ĉe tiuj transigiloj krome satelitoj estas uzataj, la plej grandaj distancoj povas esti venkataj kaj la plej granda amaso da homoj samtempe atingataj. Satelitoj estas multekostaj, nur pli grandaj ŝtatoj aŭ aliaj pli grandaj unuiĝoj kapablas pagi ilin. Tio signifas, ke la grandaj potencoj ekposedis la satelitojn kiel instrumenton, kiu povas esti tre utila por ili kaj tre danĝera por la aliaj. La eblo de propagando aŭ de unuflanka, eĉ netrafa informado estas grandegaj. Tial la batalado je la spaco estas tiom akra. Por ke ne kaoso fariĝu, internacia kunlaboro estas neevitebla. UNESCO intencas helpi aranĝi tion. (UNESCO Features 611/71).*

*La sola malhelpo, kiu limigas la grandan informan forton de la potencoj posedantaj satelitojn, estas la multlingveco. Do, en tio la ĵaluzo de la grandaj potencoj povus vidi benon. Ili kapablus plialtigi la signifon de siaj propraj lingvoj kaj, konsekvence, devus kontraŭi komunan lingvon. Laŭ tiu aspekto universala lingvo eble estus nur armilo de malgranda popolo. Ni demandas, ĉu tio ĝustas aŭ estas paralogismo.*

*A. B.*

## ESPERANTO-RUBRIKOJ EN POLAJ ĴURNALOJ

Kara Samideano kaj Kolego Esperov!

En la lasta numero de „Internacia Ĵurnalisto" (3—4) mi trovis vian afablan mencion pri „Ricevitaj Eldonaĵoj" — ankaŭ pri „Ilustrita Pola Kuriero".

Ĉar vi demandas min pri „Dziennik Wieczorny" (Vespera Ĵurnalo), mi informas vin pri ĝi jene:

„Dziennik Wieczorny" enkondukis E-rubrikon en septembro 1970. De tiu tempo tiu rubriko regule aperadas dusemajne (ĝis nun 65-foje). Redaktas ĝin s-ano Roman Wiktor Rutkowski, membro de Ĉefa Estraro de Pola Esperanto-Asocio, tre lerta, fervora esperantisto, jam tre meritplena, kvankam ankoraŭ li estas juna homo. Li posedas ankaŭ belan E-poŝtmarkkolekton, kiun li ekspozicias. Pri Esperanto en la filatelo li ellaboris valoran prelegon, kiu estis publikigita en la Informbulteno de Interesiĝklubo „Esperanto" ĉe Pola Filatela Asocio (en du partoj). Tiu bulteno (preskaŭ 100-paĝa — dulingva pola-esperanta) aperas en Krakov, redaktata de s-ano Marian Kostecki.

En nia ĵurnalo IKP mi sukcesas aperigi informojn pri Esperanto seninterrompe ekde novembro 1954. IKP estas ĵurnalo aperanta en 110.000 ekz. Bedaŭrinde la eldonkvanto estas limigita. Aĉetebla estas IKP nur matene dum unu horo. Poste ĝi mankas dum la tuta tago.

Laŭ mia eltranĉaĵaro mi povis publikigi jam tre multe da E-informoj — ĉiujare 600 ĝis 900 artikoloj kaj informoj en 6 regionaj eldonoj. IKP posedas regionajn (provincajn) redakciojn ankaŭ en Gdańsk, Poznan kaj Koszalin.

La ĉefredaktoro de IKP Witold Lassota, kiu estas Sejmdeputito kaj prezidanto de la parlamenta komisiono pri kulturo kaj arto, estas tre favora al Esperanto, kvankam li mem ne parolas la lingvon. Li ne limigas al mi la spacon en la gazeto destinitan al Esperanto. Preskaŭ ĉiutage en IKP vi povas trovi kelkajn informojn pri Esperanto (sur diversaj paĝoj).

En nia urbo la E-movado estas tre vigla. Ekzistas kluboj. En unu postmatureca lernejo Esperanto estas oficiala lernobjekto por ĉiuj studentoj. Gvidas oficiale la instruadon tre ĉarma esperantistino Urszula Tupajka, kiu regas la lingvon perfekte kaj posedas ankaŭ bonan instrukapablon. Gvidataj estas en nia urbo multaj E-kursoj, sed bedaŭrinde la progreso en la lingvokono inter la junularo estas ne tro granda. Nur unuopuloj facile kaj dum mallonga tempo ekregas Esperanton.

Mi aldonas eltranĉaĵon el „Dziennik Bałtycki" (Balta Ĵurnalo), kiu aperigas E-rubrikon ĉiusemajne. Redaktas ĝin s-anino Teresa Borejko. En „Gazeta Olsztyńska" (Olsztyna Gazeto) la ĉiudimanĉan rubrikon redaktas Zdzisław Jałowiecki, ankaŭ en la dusemajna revuo „Kormoran".

Mi partoprenis laste la E-seminarion por aktivuloj de Pola E-Asocio, kiu okazis en Poznań. Ĝi estis tutlanda seminario. Tie mi prelegis pri E-gazetaro kaj pri E-informado. Mi eksciis tie, ke ankaŭ „Gazeta Białostocka" (Bjalistoka Gazeto) enkondukis E-rubrikon. Ĉiuj menciitaj gazetoj aperadas en Norda Pollando.

Pri „I. Ĵ." mi mencias en IKP kaj sendas al vi la koncernan numeron.

Finante mian hodiaŭan leteron mi deziras al vi ĉion bonan kaj multajn pluajn sukcesojn en via vasta E-agado.

Samideane kaj kolege

Budgoszcz — Kazimier Małyka

---

## NOVA ELDONAĴO EN USSR

— La kvardekunua — novelo de la soveta verkisto Boris Lavrenev. Grandformata volumo, 82-paĝa, ilustrita, sub la redaktado de nia TEĴA-vicprezidanto N. Danovskij kaj biografiaj notoj de la sama pri Lavrenev. La apartaj ĉapitroj tradukitaj de E-kolektivo. Ilustraĵoj ankaŭ sur la kovrilpaĝoj, preparitaj de V. Ostroĵnikov. Eldonis Komisiono pri internaciaj ligoj de Sovetaj esperantistoj, Moskvo, 1972.

Aperis nova stencilita Esperanto-gazeto „Turismo per Esperanto" n-ro 1-1973, paĝoj 12, bulteno de la Asocio MONDA TURISMO. Adreso: P.K.45, Sofio, Bulgario.

### *ATANAS LAKOV FORPASIS*

*Kun bedaŭro ni sciigas nian legantaron, ke la fervora esperantisto-ĵurnalisto kaj E-poeto Atanas Lakov el Sofio, Bulgario, forpasis en la 22-a de februaro j. k.*

*La redakcio kunsentas lian funebrantan familion.*

# MI — GASTO DE PARNASANOJ

Al Juan Régulo Pérez, afable
donacinta al mi la Volumon de
„Antologio Esperanta"*

Ekrevis mi, foliumanta
Antologion Esperantan. . .
Ĉe la meznokto, titubite
alvenis Muzo. Kaj subite
proponis al mi sur Pegaso
promeni rajde al Parnaso.
Sub luna blua ilumino
ekmankis Olimpianino. . .
Kaj mi dormemon tuj forpelis.
Pegason en momento selis,
kunprenis plumon kun notbloko
kaj celis al mistera loko·
Zigzage, ne sen embaraso,
mi venis fine al Parnaso.
Per ditiramboj kaj peanoj
salutas gastojn Parnasanoj.
Kaj inter ĉi elito kasta
ekvidis mi kun sento drasta
Esperantistojn! Ho surprizo!
Ni renkontiĝis sen avizo.
Fantomoj? Ne! Normalaj homoj
kun karmemoraj famaj nomoj.
Laŭ William Aŭldaj klasifikoj
aperis antaŭ mi amikoj:
Amata Majstro kun rideto.
Grabovskij — inĝenier'-poeto.
Jen ĉefkantantoj, jen la gloro
de nia poezia ĥoro!
Sur liro ludas nur dukorda,
tamen ilia kant' — senmorta!
Privat ĝis nun ekscitas tio:
„Vi kien flugas, papilio?"
Devjatnin — la unua ruso,
trovinta vojon al lotuso,
al flor' feliĉa — Esperanto —
kaj iĝis ties prikantanto.
Ĥoĥlov. Inklina ĝis la fino
al vino, amo kaj Virino.
Eŭgen' Miĥalskij — kavaliro
de la ribel-libera liro.
Sed ofte lia poezio —
Ĝojpetolanta papilio.
Kaj Sutkovoj! . . . Ho karmemora!
Viktim' senkulpa de l'ĥororo!
Amiko mia, Voldemaro,
vi pravas, viv' — nur fantomaro. . .
Kurzens' memvole forpasinta
deklamas, glason altlevinta:
„Ne povas grizo ĉion pleni. . ."
„ankoraŭ devas io veni. . ."
Kaj kun soneta Kron' Nekrasov
surgrimpis pinton de Parnaso.
Van Schoor deklaris por ĉiamo:
„La poezio estas amo".
Kaj Deŝkin pruvis en vario:
„La amo estas poezio".
Batalis Emba por Espero,
li popolano de la Tero,
deziris esti homo nura
sub la ĉielo hellazura.
Sed morna, dorna vivovojo
lin ne dorlotis per la ĝojo. . .
Ekde ekzilo ĝis azilo. . .
Ekde espero ĝis trankvilo. . .
Plu ravas pri la Balatono
Julio Baghy kun bastono.
Nur ĉiam migri, migri for,
postulis de la Paĉjo kor'. . .
Kaj forkurinta de l' mizero,
li ĝuas nun en plenlibero. . .
Sopiras Szilagyi neĝfonon,
lasinta tie verman koron. . .
Malgraŭ eldonperipetioj —
tra Prismo lumas verdradioj.
Poetoj klinas kapojn danke
al Feri, ĉarma ĉiuflanke. . .
Ĉirkaŭis min la amikrondo —
kantistoj de la verda mondo.
Kaj ekparolis Parnasanoj,
interesantaj pri l' teranoj.

---

INTERNACIA HUMORAĴO

Foje liberigita sklavo demandis Neronon:

— Diru al mi, ho imperiestro, kiun inventaĵon de la homaro vi konsideras plej eminenta: ĉu la radon aŭ la forketon?

— Alumeton — respondis Nerono, iom cerbumante pripensinte, kaj ekbruligis Romon.

* * *

Bernard Ŝoŭ sin turnis (adresis) al iu sinjorino pasante preter ŝi:

—Hodiaŭ vi estas ĉarma, sinjorino!

— Kion? — ekmiris la sinjorino. Mi ne konas vin, sinjoro!

—Ho, pardonon — diris Ŝoŭ — mi rekonis vin erare.

* * *

Iun tagon Ĝorĝ Stivenson tre malsatis kaj li ekkuris al la manĝejo. Sur la ŝtuparo lin haltigis iu aristokrato kaj tiu demandis:

— Ĝorĝ, kiun vian inventaĵon vi konsideras la plej grava post la lokomotivo?

— Vagon-restoracion — respondis Stivenson kaj ekkuris laŭ la ŝtuparo.

* * *

La konataj usonaj estradkantistino Bob Houp kaj kinoartisto Bing Krozbi estas kunposedantoj de petrolaj putoj en Teksaso.

Dum iu televidprogramo pri la fluanta oro (petrolo) oni demandis ĉu ili konsideras sin „aktoroj, kiuj dum sia libera tempo gajnas milionojn (da dolaroj) el vendado de petrolo, aŭ petrolaj magnatoj, kiuj bonvole sin okupas per kino".

— La mono ne havas odoron — respondis Bing Krozbi — do kiel ni povus kompreni kiu parto venas el la arto kaj kiu el la petrolo?

* * *

— Fileto, do vi jam povas paroli! Kial vi ĝis nun ne diris tion?

— Ĉar ĝis nun la supo estis ĉiam varmega — respondis la infano.

* * *

Astronaŭto demandas kontrolan stacion sur la Tero

— Je deko da metroj for de mi estas proksimiĝinta nekonata fluganta objekto. El ĝi eliras verdaj hometoj kaj ili sin pretigas min fotografi. Kion mi faru?

— Ridetu iom!

Demandis iu min pri tio:
— Ĉu legas homoj poezion?
— Ve, cedis ĝi la pozicion. . .
en la favor' — televizio!
Sed tiam diris la alia:
— Sciate, sur planedo nia
en Esperanto grand-plejado
okupis sin pri la rimado.
Romano, tamen, kaj novelo
troviĝas dume sub nivelo.
Jam tempo pruvi, ke vi proze
scipovas verki serioze.
Ke Esperanto — ne tamburo,
sed lingva bazo por futuro!
Kion mi povis kontraŭdiri?
Mi lasis min siblite miri. . .
La tria Parnasan' aldonis:
Sciigo via strange sonis —
„Homo ne legas poezion!"
Mi ne deziras kredi tion.
En la animo de poeto
ĝojvibras ĉiam amimpeto,
li estas freŝo, bluo, juno
de ĉio viva sub la suno!
Sen poezio lingvo mortos —
la vivo simple ĝin abortos!
Longe kritikis Parnasanoj
erarajn farojn de l' teranoj. . .
Pritraktis ili pacproblemon,
kiel plej gravan, urĝan temon.
Ĝojigis ilin perspektivo
de „Paco" kaj „Hungara Vivo". . .
Poetoj verdaj origine,
unuanime ĉiuj fine
sin turnis kun sincera peto
al kara Majstro de „Stafeto"
pri nova, multe promesanta,
Antologio Esperanta!
Sen poezio lingvo mortos —
la vivo simple ĝin abortos!
En akompano de rumoro
alvenis adiaŭa horo.
Jam sonis harpoj, himnoj ĉarme
kaj ĉiuj min salutas varme.
Fajfe alvokis mi Pegason
kaj ni forlasis la Parnason.
Ĉe montokrest' de Tenerifo
ni haltis sur la alta klifo.
Pegaso tramplis sur tereno —
kaj ŝprucis nova Ipokreno. . .**
Ĝi flustris: trinku, akvo — bona,
viviga kaj inspirodona. . .
Kaj trinkis mi, soifoplena!
Vekiĝis. . . Dio! Sun' matena
prilumis min kaj dormetantan
Antologion Esperantan. . .

---

*) Ĉi tiu poemo estis verkita januare de 1972 kaj la 8-an de februaro Juan Pérez skribis al Aleksandro Logvin:

„Kara samideano kaj amiko!

Plenkoran dankon pro via bela letero de la 28 de januaro, kiu ĵus atingis min. Via poemo „Mi — gasto de Parnasanoj" estas tre dankinda, kaj ĝin mi legis kaj ree kun granda ŝato.
Ree: plenkoran dankon!
. . . Nun mi planas duan eldonon de Esperanta Antologio. 800-paĝa volumo kun inkluzivigo de la Esperanta poezio ĝis 1972. Do via poemo kvazaŭ antaŭheroldas tiun duan eldonon. . .

Tre sincere, amike kaj simpatie via Juan Regulo".

**) Ipokreno — laŭ greka legendo-fonto sur monto Helisono, kiu donacis al ĉiu trinkinta ĝian akvon, kapablon paroli versmaniere; la fonto aperis post la tramplo de Pegaso kaj Muzoj dediĉis ĝin al dio Apolo.

---

## INTERNACIA HUMORAJO

Klientino eniras en hirurgian klinikon kaj diras:
— Mi venas, por ke vi restarigu mian belecon.
La hirurgo, fakulo pri plastikaj operacioj, pririgardas la pacientinon, balancas sian kapon kaj respondas:
— Bedaŭrinde! Sinjorino, mi ne povas helpi al vi. La mekanismo pri transplantado de kapo ankoraŭ estas nekonata al ni.

***

En iu ĵurnalo aperis anonco: „Ĉu vi deziras fariĝi riĉa? Se jes tiam sendu al ni dek markojn kaj vi ricevos detalajn informojn."
Iu viro tralegis la anoncon kaj kaptita de tiu deziro sendas dek markojn al la montrita adreso. Post tri tagoj li ricevis respondon: „Do vi deziras fariĝi riĉa rapide? Jen estas mia konsilo: Aperigu anoncon kun jena enhavo: „Ĉu vi deziras fariĝi riĉa rapide? Se jes tiam sendu al ni dek markojn kaj vi ricevos detalajn informojn."

### SENTENCOJ

Mi ne estas al vi malamiko ĝis tia grado, por ke mi diru al vi kiu estas amiko al mi.

Ĝ. Mil

***

Apenaŭ post kiam li montris al ni sian dorson, ni vidis lian aŭtentikan veran vizaĝon.

B. Rabij

***

Oni diras, ke la infanoj decas esti edukataj ekde la lulilo. Sed ekde kiu aĝo oni devas eduki la grandaĝulojn?

D. Arseniĉ

---

*Se vi ne pagis vian membrokotizon, kara TEJANO, bonvolu tuj fari tion al vialanda reprezentanto de nia asocio.*

# RICEVITAJ ELDONAĴOJ

Liriko de la Ukrainia poetino Lesja Ukrainka. Bonege tradukitaj versaĵoj fare de Nadija Andrianova, K. Gusev, S. Rublev, A. Koba, A. Rogov, A. Logvin, K. Rabinaviĉ, Elvira Lippe, V. Pacjurko kaj Hilda Dresen. La verskolekton kompilis kaj redaktis N. Andrianova. La kovrilon preparis V. Danilĉuk. La libreto estas 86-paĝa kaj estas ilustrita, eldonita de Komisiono pri Internaciaj Ligoj de Ukrainaj esperantistoj, Kiev — 1971 Moskva, Sovetunio.

— „Kuŝanta tigro" — elektitaj prozaĵoj de la estona verkistino Lilli Promet, libreto 78-paĝa, lukse eldonita kaj ilustrita. El la estona tradukis Im. Lekko, redaktis Henrik Seppek, ilustris Evald Okas. Eldonejo „Eesti Raamat", Tallinn. 1971, Sovetunio.

— Liriko — verskolekto de la fama ispana poeto Federico Garcia Lorka. Tiuj „Trezoroj de lirika poezio" estas lerte tradukitaj de nia kolego K. Gusev. La libreto — 80-paĝa — estas redaktita de V. Samodaj, pentristo A. Gonrov. La antaŭparolon faris A. Geleskul. Eldono de Komisiono pri Internaciaj Ligoj de sovetaj esperantistoj, Moskva, 1968, Sovetunio.

Direktivoj de la XXIV Kongreso de KPSU. Libreto — 6-paĝa. Eldono de la sama supremenciita komisiono en Moskva, 1971, Sovetunio

— Mio Mia — verskolekto originala en Esperanto de Walerian Wlodarczyk. La enkondukon faris prof. d-ro Jerzy Loth, 68-paĝa. Redaktis Zygmunt Nagaj, la kovrilpaĝon ellaboris Barbara Jaronowska. Eldono de la Pola Esperanto-Junularo, Vroclavo, 1965 Pollando.

— Du noveloj de la fama soveta verkisto Arkadij Gajdar. La novelon „R. M. K." tradukis el rusa en Esperanton V. Samodaj, kaj la novelon „Ĉuk kaj Gek" esperantigis E. Ostroĵnikov. La 94-paĝan libreton eldonis la sama komisiono en Moskva, 1968, Sovetunio.

— Atlaso de Smoljan distrikto, Bulgario — bele ilustrita 18-paĝa kun kovrilpaĝoj broŝuro-prospekto pri la Rodopimontara bulgara urbo, kun Esperanta aldono priskribo de la E-movado en la distrikto. Preparita de la Distrikta Esperanto-Komitato-Smoljan. Eldonis ĝin: Centro de Turisma Reklamo ĉe la Komitato de Turismo ĉe la Ministra Konsilantaro, Sofia, Bulgario, 1972.

— Kvindek jaroj de la grandaj venkoj de Socialismo — raporto de la ĝenerala sekretario de KPSU, farita la 3—4-an de novembro 1966 en Moskvo.

— Junularo-Magazino el Germana Demokratia Respubliko. Lukse kaj belege kolore ilustrita 64-paĝa libreto, mezformata, en kiu per klarigoj, artikoloj kaj fotoj oni rakontas pri la nova vivo de la junularo en GDR — 801 Brusden, 1972.

## ESPERANTISTA GAZETO ĈESIGITA

„Esperanto Gazeto" de JOE (Internacia Instituto por oficialigo de Esperanto) jam ĉesis aperi. La gvidantoj de la Instituto kaj de la gazeto, fratoj Tibor kaj Antonie Sekelj, kvankam siaj klopodoj, ne sukcesis realigi siajn celojn pro ne subteno de la Esperanto-organizaĵoj en la mondo.

**Kolegoj, la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" atendas senpacience viajn kontribuajojn-artikoloj, eseoj, vojaĝimpresoj, rakontoj, poezioj, fotoj, karikaturoj ktp.**

**Ĉefredaktoro: Ivan Keremidĉiev — Esperov, bulv. Hristo Botev 98 Sofio 2, Bulgario, tel. 83-34-04**
**Redakta komitato: Rajna Konstantinova kaj Minko Conkovski**